23a Jaro - No 12 (250) Jara Kotiz-Abono Fr. 35,— Decembro 1937a

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO:
Maur. JAUMOTTE
41, Avenuo De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de Reĝa Belga Ligo Esperantista

Societo sen profita celo. --- Belga Ŝtatgazeto 27.6.36

ANTAŬ LA JARFINO.

## Ni faru nian Bilancon

En la lasta numero de ĉiu jarkolekto de nia revuo, ni metas super la ĉefartikolon, la cetere facile troveblan titolon « Antaŭ la Jarfino ».

Tiun ĉi jaron, tiu jarfino estas samtempe la fino de la Jubilea Jaro.

Kaj, pli ol iam, post tiu ĉi jaro, ni devas iom rerigardi malantaŭen por kun nova kuraĝo reiri antaŭen.

Kaj ĉar, en revuo, kompreneble unue devas temi pri la vivo de la revuo mem, ni ja volas fari kelkajn konstatojn.

Dum diversaj jaroj, oni aperigis, ĉiujare, nur iun difinitan nombron de kajeroj, kiu ĉiam estis pli malalta ol la nombro de la monatoj. Aperis kajeroj de du, de tri, eĉ kvar monatoj.

La membroj iafoje plendis pro tiu malofta aperigo de la revuo.

Post streĉaj klopodoj, nia Ligo sukcesis aperigi numeron ĉiumonate, kun la sekvo, ke la nombro de fakturoj de la presisto iĝis pli granda; ke ankaŭ la kostoj pro poŝtmarkelspezoj iĝis pli gravaj.

Tamen, la parto el la kotizo, kiun la grupoj pagas al la Reĝa Belga Ligo, por la membreco kaj la abono, restis sama, dum, aliflanke, la kotizparto, kiu rilatas al la internacia movado kaj kiu, iatempe, estis nur Fr. 0,80, iĝis intertempe Fr. 5,—.

Dum sia lasta kunsido, la administrantaro de Reĝa Belga Ligo Esperantista decidis plialtigi la kotizon de la izoluloj de Fr. 30,— ĝis Fr. 35,—, sed ĝi rezervigis la plialtigon de la kotizpago de la grupaj anoj, ĉar tamen por la jaro 1937, la plej granda parto el la kotizoj estis jam pagita.

Nun, ĝi tamen devos baldaŭ decidi. Kaj ni volas kapti la okazon de tiu ĉi lasta ĉefartikolo, por antaŭmeti la problemon al ĉiuj niaj legantoj, tiel ke la grupestraroj povu difini, klare, sian sintenadon.

Dum la jaro 1937, ni aperigis dekunu kajerojn, anstataŭ dekdu, ne ĉar la regula aperigo estis tro malfacila laboro, sed por ŝpari la monon de unu numero.

Nun, ne restas, en la kaso, la mono, por la aperigo de la decembra numero, kaj se ĝi tamen aperas, ni ŝuldas tion al nia « Belga Esperanto-Instituto », kiu akceptis preni sur sin la presadon de duona numero en decembro kaj kvarona numero en Januaro, sendante al niaj membroj, tiele, sian novan katalogon, kiu, laŭ ĝi, estos bonvena, precipe antaŭ la 15a de Decembro, la Zamenhof-tago, kiu, de kelkaj jaroj jam, estas samtempe la libro-tago.

Ni atentigas niajn grupojn, pri la fakto, ke, se tiel ili havas nur verdire kvarpaĝan revuon, tiu ĉi kostas tamen multe malpli ol aparte presata numero kvarpaĝa.

Ĉar pri tio, ĉiu ja devas konscii: laŭ amplekso kaj laŭ eldonkvanto, nia revuo atingis, — ni ne kaŝu tion unu al la alia —, la fundon de tio, kio pravigas decan presadon.

Ĉiuj scias, ke ĉu revuo, kiel la nia, enhavas 4 aŭ 8 paĝojn kaj estas presata je 1.000 aŭ 2.000 ekzempleroj, la plej granda parto de la laboroj kaj la plej grava ĉiuokaze, same kiel la plej granda parto de la kromelspezoj, restas la samaj.

La presado, la faldado, la enkovertigo, la gluado de la poŝtmarkoj, la pago de tiuj ĉi, estas efektive ĉiuj faktoroj, kiuj restas identaj aŭ ne malgrandiĝas laŭproporcie.

Tial mi opinias, ke ni ĉiuj devas lukti, por ke nia revuo restu kia ĝi estas.

Por tion akiri, povus sufiĉi, ke ni akiru kelkajn novajn pliajn anoncojn kaj kelkajn pliajn centojn de legantoj.

Ni firme esperas, ke ĉiuj helpos por akiri ĉu ambaŭ, ĉu unu el ambaŭ. Sed, ĉar tiu helpo ne estos tuja, almenaŭ laŭ la rezultatoj de la farota laboro, ni pensas tamen, ke la grupoj devos akordiĝi pri la pago de iom pli alta parto el la grupa kotizo al la nacia kaj internacia movadoj.

Tion, laŭ la alteco de la grupa kotizo, ili povos fari, sen aŭ per plialtigo de la grupa kotizo mem. Tio ne koncernas la Ligon, sed ni esperas, ke, ĉie, la gvidantoj helpos, se ne kun plena koro, almenaŭ kun plena bonvolo, al la adaptigo al la nova situacio.

Nur en tiaj kondiĉoj, la vivo de nia revuo en la jaro 1938 estos plene certigata.

Maur. JAUMOTTE.

# BELGA KRONIKO

## GRUPA KALENDARO :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj: Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile: ĉiusabate je 20.30-a h.

Sabaton, la 4-an de Decembro: Intima manĝo en « Zenith », Frankrijklei 50.

Sabaton, la 11-an de Decembro: Zamenhof-festo kun koncerteto, en « Witte Leeuw ».

Sabaton, la 18-an de Decembro: en la « Esperanto-Domo »: la libro-tago kaj Kristnaskfesto por la gemembroj.

Sabaton, la 25-an (Kristnasktago): ne okazos kunsido.

Dimanĉon, la 26-an: je la 15-a, en « Witte Leeuw »: Kristnaskfesto por la infanoj.

Sabaton, la 1-an de Januaro: ne okazos kunsido.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO: « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO: « Salonego Brangwyn », ĉe S-ano Jéhansart, placo Simon Stevin, Tel. 318.23.

Kunvenoj dum decembro, ĉiuj en la «Kunvenejo»:

Mardon, 7-an: a) Dikto de kanto (Prez.: F-ino Y. Thooris); b) Legado B.E. (Prez.: S-ro Ch. Poupeye); c) Parolado de S-ro G. Groothaert «Memoraĵoj».

Mardon, 14-an: Zamenhofa festo, deklamaĵoj, kantoj, ekspoziciado de libroj. (Prez. F-ino Y. Thooris.)

Mardon, 21-an: a) Lingvaj ekzercoj (Prez.: S-ro H. Van Roye); b) Kantoj, Gvidado: F-ino A. Boereboom aŭ S-ino J. Groothaert; ĉe la piano: S-ino Van Roye aŭ S-ino Poupeye.

Mardon 28-an: Gaja jarfina vespero, Vespermanĝo: mituloj kaj fritítaj terpomoj. Prezo: 6 fr. (Prez. S-ro E. Guillaume.)

Vendrede: 3, 10, 17 kaj 24 de Decembro, je la 20-a, lastaj lecionoj de la elementa kurso, en la SIDEJO.

N.B. — La grupa BIBLIOTEKO estas malfermata ĉiumarde — kaj ankaŭ dum la daŭro de la kurso: ĉiuvendrede — de la 19.30-a ĝis la 20-a, en la grupa Sidejo. Bibliotekistoj: S-ro Karel Decoster kaj F-ino M. Vanden Berghe. Tie ankaŭ samtempe: vendado kaj mendado de esperantaĵoj: libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, ktp.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj estas malfermata ĉe F-ino M. Huyghe, Pottereirei, 1, Quai de la Poterie (Helpa Poŝtoficejo).

**ĈE LA SAMA ADRESO: EKSPOZICIO DE ESPERANTO-LIBROJ de la 12-a ĝis la 19-a de decembro. Libera eniro.**

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo: « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, ĉiulunde je la 20.30-a horo.

A) de la 7-a ĝis la 8-a: dancleciono (Prof. S-ro Gordyn); b) ĝis la 9-a: kurso (Prof.: F-ino Obozinski); C) de la 9-a ĝis la 10-a kunveno.

Lundon, la 6-an de Decembro: parolado de S-ro Swinne, pri « S-ta Nikolao ».

Lundon, la 13-an: Zamenhof-tago: Festo.

Lundon, la 20-an: Kant- kaj ludvespero.

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».**

Lecionoj en la lernejo St. Pietersnieuwstraat, 45, ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

LOVENO. — **Lovena Grupo Esperantista.**

La 13-an de Decembro, je la 20-a, nova propagandvespero, kunlabore kun la Société Royale « Cercle des Conférences », Université Populaire.

LA LOUVIERE. — **La Verda Stelo.**

La 11-an de Decembro: provleciono de S-ro Buenting, en « Hôtel du Commerce ».

## GRUPAJ RAPORTOJ.

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo «La Verda Stelo».** — La 30-an de Oktobro okazis bonege sukcesinta surprizvespero, enkondukata de S-ro Van Dijck kaj al kiu la membroj plej vigle kunlaboris.

Post la komuna manĝo de la 6-a de Novembro, sekvis la 13-an, parolado de S-ro Faes, pri la Armistico. S-ro De Hondt, kunvengvidanto varme dankis la sekretarion pro tiu elvoko el tiu tempo jam tiom longe for.

Sabaton, la 20-an, okazis la parolata ĵurnalo kun ĉefartikolo de S-ro Jaumotte, kiu faris alvokon por la nacia kaj internacia kongresoj.

Sabaton, la 27-an, S-ro Sielens, parolis en la Esperanto-domo, pri « Bonhumoro en la Esperanto-literaturo » kaj akiris belan sukceson, kiun S-ro De Hondt, kunvenprezidanto kore substrekis.

**BRUĜO. — « Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo ».** — La 19-an de Oktobro, post kelkaj gramatikaj ekzercoj, gvidataj de F-ino Y. Thooris, okazis kantvespero, sub la gvidado de S-ino Groothaert, dum S-ino Van Roye akompanadis fortepiane.

La 26-an, F-ino Thooris gvidis kelkajn lingvajn ekzercojn, post kio S-ro R. Groverman tre sprite paroladis pri la temo: « La tempo pasas ». Tiu interesa lekcio valoris al la parolinto varmajn aplaŭdojn kaj F-ino M. Vanden Berghe, deĵoranta prezidantino, gratulis kaj dankis lin, nome de ĉiuj.

La 1-an de Novembro, kelkaj grupanoj partoprenis en la sekvantaro ĝis la Milita Tombejo.

La 2-an, post gramatikaj klarigoj pri la uzado de kelkaj verboj, faritaj de F-ino Thooris, S-ro H. Van Roye afable anstataŭis S-ron Poupeye, malhelpatan pro malsano, gvidante la legadon de B.E.

La 9-an F-ino Thooris gvidis kelkajn gramatikajn ekzercojn kaj diktis novan kanton.

La 16-an, ne povis okazi la antaŭvidita kantvespero pro malhelpo de ĉiuj kutimaj gvidantinoj. Anstataŭe, F-ino Thooris gvidis tre interesajn lingvajn ekzercojn.

Dume, la elementa kurso progresis kun daŭra sukceso. Novaj aliĝoj ĝis 34. S-ro Poupeye, malhelpata pro malsano, estis sindoneme anstataŭata de F-ino Thooris, kiu gvidis la lecionojn de la 22-10, 29-10 kaj 5-11. S-ro Poupeye povis repreni sian kurson la 12-11.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — La 27-an de Septembro, f-ino Jennen bonvenigis diversajn fremdajn vizitantojn, inter kiuj S-ro D-ro Tsin, japana kuracisto, kaj S-ro D-ro Beckman interese paroladetis.

La 4-an de Oktobro, okazis la provleciono de S-ro Buenting en la «Palais des Beaux Arts» kaj, la 11-an, la parolado de S-ro Loeckx estis anstataŭata de intima kunsido, dum kiu S-ro Van der Hecht kaj F-ino Obozinski faris paroladetojn.

La 18-an, sekvis parolado de F-ino Regina Weinsberg, el Krakow, kiu parolis pri Maroko. F-ino Jennen dankis ŝin varme.

F-ino Obozinski mallonge skizis la vivon de la granda belga aŭtoro Maurice Maeterlinck, el kies verko S-ino F. Staes, antaŭlegis eltranĉaĵon.

La 25-an, S-ino Elly Staes plene vivigis, antaŭ la aŭdantaro, sian vojaĝon al Vilno, la malnova urbo el la Nord-Okcidenta Polujo.

Longa aplaŭdo rekompencis la paroladistinon pro sia belaj klarigoj.

**LA LOUVIERE. — Esperantista Grupo de la Centra Regiono.** — Dank' al la bonvola kunhelpo de S-ro Buenting, la konata samideano, kiu jam tiom bone laboris en diversaj regionoj de nia lando, la Grupo kapablis organizi belan vesperon en la salono de l'« Institut des Arts et Métiers ».

S-ro André Tassin faris la enkondukan paroladon, en kiu li dankis la aŭtoritatojn, la ĵurnalistaron kaj ĉiujn, kiuj apogas nian movadon en la centra regiono kaj fine anoncis, ke F-ino Feker, hungara samideanino, kiu nur de nelonge loĝas en nia lando kaj S-ro Parfondry el La Louvière, per esperanta interparolado, montros al ĉiuj la taŭgecon de nia lingvo.

Poste S-ro Buenting faris provlecionon per rekta metodo kaj ĉiuj aŭskultantoj miris pri la facileco de nia lingvo.

La Gazetoj de la regiono tre favore skribis pri tiu vespero.

La 26-an de Novembro, okazis kunveno de la grupo, kun jena tagordo: organizo de provleciono de S-ro Buenting, la 11-an de Decembro, en « Hotelo de l' Komerco ».

**LOVENO. — Lovena Grupo Esperantista.** — La grupo ĉiam vigle laboras. La kurso, komenciĝinta la 15-an de Oktobro, bone sukcesas. Ĉiuj lernantoj akurate ĉeestas la lecionojn.

La estraro antaŭvidas la organizon de nova propagandvespero kaj projektas organizon de vizito al la Abatejo de Park. Samideanoj, kiuj intencas iri Lovenon, bonvolu skribi poŝtkarton.

**TORNAKO. — Nova Esperanto-Grupo naskiĝonta.** — Kun ĝojo, ni eksciis, ke en Tornako, la malnova henegovia urbo, du samideanoj, S-ro Duquesne kaj Paul Walter, tiu ĉi lasta pola esperantisto, komencis, kun la helpo de nia Ligo, la preparan laboron, kiu certe kondukos al la starigo de nova grupo.

Propagando estas jam farita en ĉiuj lokaj

**Atentu !**

**Konservu la ĉi postajn paĝojn nefalditaj ĝis proksima monato; tiam aperos la kompletigo de**

**Katalogo de B.E.I.**



societoj kaj estis decidate, organizi la 1-an de Decembro je la 7-a h. 30, en la granda festsalono de la loka teksaĵlernejo, prelegvesperon, dum kiu parolados nia Liga Prezidanto S-ro Kempeneers.

Ni raportos pri tiu vespero en nia sekvanta numero.

Ni deziras al la du iniciatintoj de tiu laboro, plej brilan sukceson.

**GENTO. — Genta Grupo Esperantista.** — La 11-an de Oktobro okazis en la salono de « Melomanes », sub la prezido de sinjorino Derycke, vizprezidantino, la monata kunveno.

S-ro Deman faris belan paroladon pri « La Abatejo de la Lago Ladoga », kaj rakontis pri sia vojaĝo tra Finnlando.

Li ankaŭ instigis la geanojn ĉeesti la estontajn kongresojn.

Poste s-ro Derese parolis pri « Oni havas la sanon kiun oni meritas ». La aŭskultantoj tamen ne akordiĝis pri tiu temo, ĉar ĝuste sinjoro Vandevelde, la tre ŝatata grupa prezidanto, forrestis pro malsano.

**GRATULOJ.**

La 20-an de Novembro geedziĝis S-ro Maurice Daems, membro kaj bibliotekisto de la grupo « La Verda Stelo », el La Louvière, kaj S-ino Marghit Feker, hungara esperantistino.

Ni aldonas niajn gratulojn al tiuj de la gemembroj de la loka grupo, kiuj donacis al la esperantista paro, belan artobjekton.

**FUNEBRO.**

La 21an de Novembro, mortis en Hoboken-apud-Antverpeno S-ino Louise Loquet, edzino de S-ro Guillaume Loquet, bofratino de G-roj M. Jaumotte-Loquet kaj de F-ino Jeanne Loquet, kaj onklino de S-eto R. Jaumotte, ĉiuj kvin membroj de « La Verda Stelo » el Antverpeno.

Al tiuj gesamideanoj, la esprimon de nia kunsento.

—o—

## ESPERANTO EN LA PRAKTIKO

La « Esperanta Komerca Asocio » (EKA) celante la disvastigon de Esperanto kaj la plifaciligon de la internaciaj komercaj rilatoj, publikigos en la venonta Novembro/Decembro, specialan, taŭgan broŝuron nome

**EKA-BULTENO.**

Ĝi aperos monate kaj estos sendata SENPAGE al la delegitoj de IEL kaj UEA, al ĉiuj interesitoj, komercistoj, industriistoj, hoteloj, kuraclokoj, komercaj ĉambroj k.c. La samideanoj, postulu la Bultenon al

**Centra Oficejo de EKA — Via Nazionale, 208 Romo (Italio)**

kaj kunlaboru ,aliĝante al EKA kiel korespondantoj por komercaferoj aŭ kiel perantoj por komercanoncoj. La aliĝontoj ricevos kompencon proporcie je la efektivigotaj enspezigoj.



# Kongreso de Charleroi

**Pro lokmanko, ni prokrastas la publikigon de la sekvanta listo de aliĝintoj ĝis proksima monato.**

**Ni esperas ke intertempe multaj novaj amikoj estos sendintaj sian aliĝon.**

# I.E.L. - Kotizoj 1938

**La Delegitoj bonvolu jam nun kolekti kaj pagi la kotizojn laŭ jena tabelo:**

| | Fr. |
|---|---|
| **MJ. (Membro kun Jarlibro) .** | **20,—** |
| **MA. (Membro kun Jarlibro kaj Abono al Esperanto Internacia) . . . . . . .** | **50,—** |
| **MAH. (Membro kun Jarlibro kaj Abono al Heroldo de Esperanto) . . . . . .** | **128,—** |
| **MS. (Membro-Subtenanto, havas samajn rajtojn kiel MA; krom tio li rajtas ricevi premion el la listo kiu aperis en « Heroldo de Esperanto », N-ro 43( kaj « E. I. », Decembro 1937) . . . .** | **175,—** |

**La pagoj povas okazi pere de la Grupo aŭ rekte al la Teritoria Sekretario:**

**G. Van den Bossche,**
**Rembrandtstr., 7, ANTWERPEN.**
**Poŝtĉekkonto: 4109.91.**

**Ankoraŭ kelkaj ekzempleroj de la Jarlibro kaj Suplemento 1937 estas disponeblaj. NOVAJ MEMBROJ por 1938, kiuj deziras ricevi tiujn dokumentojn, povas ilin akiri kontraŭ aldona pago de Fr. 7,—.**

## GRUPANOJ ATENTU !

**Por amuzaj vesperoj.**

Ĝuu esperantan inventaĵon kiu perfektigas vin aritmetike, per nova, tute esperanta kartludo « PRODEKO ». Prodeko estas la plej nova interesa kartludo sur bazo de la aritmetiko.

Ĝi distingiĝas pro ĝia valoro. Prodeko estas universala, ĝi povas esti ludata en ĉiuj rondoj ĉar Prodeko amuzas, distras kaj edukas.

Prodeko instruas ja la plej gravan faktoron de la matematiko, nome; la aritmetikon.

Ludante prodekon, oni neniam enuas.

Mendu ĉe: PRODEKO, Katowice (G. Slask), Pollando, poŝtfako n-ro 8; aŭ ce Belga Esperanto-Instituto, 127, Lange Leemstraat, 127, Antverpeno.

# Anoncetoj

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337 67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
provizore al la speciala P.Ĉ.K. 4109.91 de S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto:**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.

